


OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTO-LIGO 2/2006 JULIO




**LEGU PRI:**

- JOTA/JOTI renkontiĝo de skoltoj-esperantistoj
- skoltismo kaj Esperanto en Kazaĥstano
- disvastigado de Esperanto inter geskoltoj en Hindio
- historio kaj nuntempa agado de SEL en Hungario

## La Skolta Mondo

**Oficiala organo de Skolta Esperanto-Ligo N-ro 2/Julio 2006**

The magazine of the Scout Esperanto League
Gezette de la Ligue Scoute Espéranto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas

**ttt.esperanto.org/skolta**
**sel@scoutnet.org**
ISSN 0031-6558


## Skolta Esperanto-Ligo:


**Prezidanto**
Carola Antskog,
poŝta adreso apude,
NR de Finlando,
cantskog@kolumbus.fi
**Ĝenerala Sekretario**
Guido Ricci,
poŝta adreso apude
NR de Italio
ulivo.diritto@gmail.com
**Kasisto**
Allan Fineberg, Usono,
allan.fineberg@gmail.com
**Redaktoro**
Kinga Nemere-Czachowska,
ul. Moniuszki 33/4,
87-100 Toruń, Pollando,
sel-redaktoro@scoutnet.org
**Retisto**
Volker Schlüter, Germanio,
eo@pfadfinder-wilhelmshaven.de


§

## NACIAJ REPREZENTANTOJ DE SEL

**Argentino**: Daniel Marcelo, Buenos Aires, danielmarcelo@eresmas.com, **Belgio**: Stein Hautekees, stein@sel-belgio.be, **Brazilo:** Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo 120/14, 18048-105 - Sorocaba (SP), **Bulgario**: Ĥristo Mandev, bul. Mogílev 2 II 19**,** Gabrovo 5306, **Ĉilio:** Héctor Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curicò, mochila@terra.cl, **Danio:** Bjarke Nielsen, Erdalsvej 30, 2600 Glostrup, **Finnlando**: Carola Antskog Brokärrvägen 89, FI-25700 Kimito, tel +358-2-423146, portebla +358-50-5817272, cantskog@kolumbus.fi, **Francio:** Samuel Gaillard, 5 rue Maurice Ravel, 63 800 Cournon d'Auvergne, goelano@infonie.fr, A.S.Venkatesh Reddy espero, No 216, off Main Road, Whitefield, Bengalore–66, Karnataka, tel. 9945057668, esperovr@yahoo.co.in, **Hispanio**: Luis Gilpérez Fraile, Calle Alonso de Pineda 28, E 41007 Sevilla, luis@riskoes.com, **Hungario:** Záhonyi Lajos (Lala), Budapest, Szõnyi István u. 38. 104, lajos.zahonyi@nsh.hu, portebla tel. + 363028 30098, **Italio**: kiel peranto: Guido Ricci, av Des Muguets 39, 1950 Kraainem, Belgio, **Japanio:** Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, BXL00154@nifty.com, **Kazaĥio:** Vera Matvejeva, Komsomolskij 40-168, Rudnij 111500, verapm@mail.ru, **Kolombio**, Jorge Aurelio Díaz, Calle 139 n. 14-25/303, Bogotà, tel. +5712166254, jadiaz9@cable.net.co, **Koreio Resp**.: Lee Seung Yun, Hwigyong-l Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092) Seoul, **Kostariko**: Marvin Segura, Aptdo 1913, San Jose, **Luksemburgio:** vidu Italio, **Nederlando:** J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam, ko.hammer@planet.nl, **Nov-Zelando:** Gwenda Sutton,12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, gwenda.s@ihug.co.nz**, Senegalo,** Emmanuel Djikoune, village de Sengalène, Departement d'Oussouye, Région de Ziguinchor, potebla tel.+22 1571 1570, **Slovakio**: Miroslav Havranek, P.O.Box 161, 83100 Bratislava, **Svedio:** vidu Finnlando**, Usono**: Allan Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey, finebergfamily@gmail.com

# Kinga Nemere-Czachowska – redaktorino de LSM

Mi estas denaska esperantistino. Mia vera skolta agado komenciĝis en 1981 jaro, kiam mi aliĝis al la skolta grupo „La Nigra Dektrio”en Toruń, Pollando. Mi sukcese instigis kelkajn aliajn geskoltojn lerni la internacian lingvon, sed malfacila politike tempo en mia lando (amasaj protestoj kaj strikoj kontraŭ komunismaj aŭtoritatoj, enkonduko de milita stato) kaŭzis, ke nia trupo devis „batali” kun tiamaj komunismdevenaj regionaj skoltestroj, anstataŭ disvolvigi la ideon de internacia skolta frateco kun Esperanto kiel pontlingvo.

Tamen, mi sendis la anoncon al *La Skolta Mondo,* ke mi deziras korespondi. Baldaŭ mi ricevis leteron kun itala poŝtmarko kaj....la ŝtampilo de pola cenzuristo. La unua skolto, kiu volis korespondi kun mi, hodiaŭ aktivas kiel la ĝenerala sekretario de SEL. Dank' al li mi eksciis iom pli multe pri la eŭropa skoltmovado.

Baldaŭ oni tute malpermesis al nia grupo veran skoltan agadon, sed estroj de „la Nigra Dektrio” decidis daŭre renkontiĝi kaŝe. Tamen pro tro granda risko ni ne povis plu labori kun malpliaĝaj skoltoj.

Post kelkaj jaroj komunismo feliĉe falis, sed dumtempe ankaŭ nia grupo malaperis. Kiel studentino de etnologio mi esploris ĝuste tiam Meksikion por kelkaj monatoj. Poste mi aktivis nur en la Esperanto-movado, partoprenante dekojn da E-aranĝoj en diversaj landoj, sed mi ne revenis al la aktiva agado en kaj por skoltismo.

Komence de 90. jaroj mi edziniĝis kaj pro diversaj kaŭzoj mi lasis ankaŭ Esperantujon, do ĉiuj fadenoj rompiĝis. Dum kelkaj jaroj mi laboris kiel ĵurnalistino kaj nun mi okupiĝas pri publikaj rilatoj de Nikolao Kopernik Universitato en Toruń. Tamen, antaŭ unu jaro mi decidis reveni al Esperanto-movado kaj mi eĉ partoprenis UK-on en Vilnius, ne sciante, ke dum la Kongreso okazis Jarkunveno de SEL-anoj. Decembre 2005 tute neatendite mi ricevis proponon redakti *La Skoltan Mondon*. La persono, kiu proponis tion al mi, estis la ĝenerala sekretario de SEL. Mi ĝoje konsentis. Iomete helpas min mia filino Nadia, skoltino, kiu ankaŭ lernas Esperanton.



**Volker Schlüter - speciala komisiito de la CENTRA KOMITATO**

Nia retisto loĝas en Germanio. Li skoltiĝis kaj esperantiĝis preskaŭ samtempe antaŭ dek jaroj. Hodiaŭ li gvidas paroĥan junularon laŭ la skolta metodo. Li laboras kiel inĝeniero en ŝtata oficejo, kiu okupiĝas pri martrafiko. Jen lia rakonto:

# LA RETISTO

*Pluvis. Antaŭ la fenestro teren falis amaso da akvogutoj. La ĉirkaŭaĵo griziĝis kaj preskaŭ malaperis pro la pluvego. Ŝajnis, ke tio ne tro longe daŭros, ĝis kiam la unuaj fiŝoj preternaĝos antaŭ la vitraĵo. Estis la plej bona vetero por resti hejme en la varma sekeco kaj revi. Tion mi faris. Mi sidis ĉe mia skribtablo, rigardante kiel gutoj malsuprenfluis sur la vitro, kaj mi revis. Sed mia revo estis iomete stranga: mi revis, ke bonege estus, se mi povus promeni tra la ekstera tempesto, ne sole, sed kune kun geamikoj. Mi rimarkis, ke io mankas. En mia civilizita vivo ne estis spaco por senti la naturon.*




*En la venonta semajno mi aliĝis al la loka skoltaro. Tiutempe mi ne sciis multe pri skoltaj ideoj. Kvankam tuj mi malkovris, ke ankaŭ skoltoj ne ŝatas iri tra la pluvo, mi sentis min hejme en la skoltaro. Iom post iom mi ekkonis, ke mi ne nur ŝatas la senton, sed ankaŭ skoltajn idealojn. Sed ankaŭ en mia skolta vivo mankis io. La skolta movado ja estas internacia afero, kun membroj en multaj landoj. Sed mia skoltado estis limigita al mia lando. Verŝajne la lingva problemo kaŭzis, ke mi ne konatiĝis kun alilandaj skoltoj eĉ el la najbaraj landoj. Internaciecon mi nur konis de Esperanto-movado, ekzemple de la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). Ambaŭ - skoltismon kaj Esperanton - kunigas la Skolta Esperanto-Ligo. Kompreneble, tio nur eblas, se la ligo mem funkcias. Por atingi tiun celon, mi emas helpi. Tial mi iĝis la retisto de la liga ttt-ejo en decembro 2005. Mi pensas, ke nia reta paĝaro estas bona kaj senkosta ebleco por montri nian ekziston kaj disvastigi niajn ideojn. Sed ĝi devas esti sufiĉe aktuala, ni devas bone informi pri SEL kaj montri, ke nia ideo vere funkcias. Espereble ni realigos tion.*

**Rezervu tempon por la tria semajnfino de oktobro! Tiam okazos Tutmonda Skolta Ĵamboreo en Interreto (JOTI) kaj en Aero (JOTA).**

JOTI/JOTA estas oficiala evento de Monda Organizaĵo de la Skolta Movado. Miloj da geskoltoj el la tuta mondo renkontiĝas dum du tagoj kaj komunikiĝas surbaze de la reto, uzante: ret-navigilojn, ret-poŝton, babilejojn, mikrofonojn, bildo-bitigilojn, ret-kameraojn. Eblas partopreni ankaŭ Ĵamboreon en la Aero (JOTA), dum kiu geskoltoj kumunikiĝas inter si en radio-amatoraj frekvencoj. Ĝi okazos ĉijare la 48-an fojon! Tamen dum la Ĵamboreo plejmulte oni uzas retpoŝton kaj babilejan reton nomatan IRC.

# JOTI – RETA ĴAMBOREO

**Rabe, germano kiu eklernis Esperanton per lernu.net en aŭgusto 2005**:

*Dum JOTI mi vizitis preskaŭ nur ĉambron por esperantistoj. Tial mi ne parolis kun tiom multaj geskoltoj, kiom dum la lastaj jaroj en anglaj kaj germanaj ĉambroj. Sed diskutoj estis pli interesaj kaj gravaj. Mi estas tre kontenta, ke mi povis paroli kun geskoltoj el Aŭstralio, Japanio, Finnlando, Belgio, Nederlando, Francio, Argentino kaj Ĉilio en Esperanto. Nun mi estas tre motivita plulerni internacian lingvon kaj mi esperas, ke ni trovos nin en babilejo pli ofte. Ni ne devas atendi la venontan JOTI!*

**Hottasan, patro de japanaj skoltoj:**

*En la kanalo #esperanto en ScoutLink, dum du tagoj matene, tage, vespere, nokte kaj postnoktmeze en mia loka horo mi aperis kaj iomete helpis komunikadon kaj propagandon. En horo, kiam Eŭropo kaj Ameriko estas en tago, la kanalo estis relative vigla. Mi memoras, ke venezuelaj voĉoj (en la hispana?) abundis speciale. Tiam ja mankis esperanto-varbantoj, ĉar en horo, kiam Pacifiko estas en tago, oni dormis! Rare mi renkontis geskoltojn, kiuj provis uzi Esperanton. Dankon al multaj kunlaborantoj en la kanalo: Fringo, Rabe, Dolphin, stein, esperanto22 kaj aliaj.*

## Kiel babili?

*Iru al www.joti.org Tie vi povas elekti lingvon Esperanto. Alklaku vorton „babilejo” kaj vi trovos Webchat. Poste vi devas koni iomete la anglan - alklaku "channels" kaj elektu "netwide channels". Se vi ne tuj iras al #esperanto”, vi povas poste iri tien skribante /join #esperanto.*

*La spertoj de 2005 montras ke indas fari planon pri la partopreno de SEL-anoj en JOTI. Pro tio la Centra Komitato de SEL decidis elekti **Stein Hautekees,** la Nacian Reprezentanton de Belgio, kiel prizorganton de la partopreno. Ni renkontiĝu **21 kaj 22-an de oktobro 2006** en la reto!*
*(red)*

# SKOLTISMO EN KAZAĤIO

Kazaĥlando, Kazaĥio, Kazakstano – oni uzas diversajn nomojn por la azia lando, kiu iam estis soveta respubliko kaj nun estas sendependa, multnacia kaj multkultura ŝtato. Loĝas en ĝi reprezentantoj de ĉiuj etnoj de eksa Sovetunio. Pro tio la rusa lingvo estas komunuzata kaj internacia. Sed lastatempe la situacio iom ŝanĝiĝas - indiĝenoj (kazakoj) plimultiĝas per enmigrado el eksterlando (ekzemple el Ĉinio aŭ Mezazio).

Skoltismo venis al Kazakstano antaŭ pli ol kvin jaroj. Nuntempe la Organizo de Skolta Movado de Kazakstano (OSMK) nombras ĉirkaŭ 2000 anojn. La ĉefa stabo lokiĝas en la urbo Pavlodar. Filioj de OSMK funkcias en urboj kaj regionoj de: Almaty, Astana (nia nuna ĉefurbo), Karaganda, Kzilorda, Ust-Kamenogorsk, Pavlodar, Petropavlovsk, Mangistau, Kostanaj. Skoltaj grupoj organiziĝas ankaŭ en aliaj regionoj.

La OSMK traktas membriĝon en WOSM kiel sian gravan taskon. Ĝin subtenas en tio la Rusa Skolta Organizo kaj la germana BdP. La lasta Kazakstana Nacia Ĵamboreo "Birlik" okazis somere 2002. Partoprenis ĝin pli ol 300 skoltoj el: Germanio, Polio, Rusio, Uzbekio kaj Kazakstano. Kaj ĉi somere la Ĵamboreo (1-10de aŭgusto) okazos apud Pavlodar. La ideo:"En futuron-kune!" Dum la Ĵamboreo partoprenantoj pasos tra ok testoj,kies nombro egalas nombron de anguloj de ok-pinta stelo, simbolo de scio, lojaleco, kuraĝo, prizorgo, kapablo, takto, atento kaj persisto. Venos entute ĉirkaŭ 1500 personoj.

www.kazakhstan-scouts.org






**La lando**

En Kazaĥio loĝas 14,841 milionoj da loĝantoj. Ĝi estas la naŭa plej granda lando en la mondo – post Ruslando, Ĉinio, Usono Argentino, Brazilo, Kanado, Hndio kaj Australio. Ĝi havas 2.724.900 kvadratajn kilometrojn.

Nia urba junulara klubo "Oceano" ekzistas jam pli ol 25 jarojn. Ekde la apero de skoltismo en nia lando ĝi funkcias samtempe kiel skolta klubo. Ĉiujare al la klubo venas novaj geknaboj. Jam la tria grupo de geklubanoj lernas Esperanton. Al la unuaj lernantoj la lingvo tre plaĉis kaj la klubo decidis aligi ĝin kiel unu el siaj devigaj fakoj.




# NIA „OCEANO”

Krom skoltismo en la klubo geknaboj studas inter alie: subakviĝon kun subakva masko kaj ŝipetnavigadon, paraŝutismon, turismon, manbataladon, pafadon. La kluba devizo sonas: "Mi devas scii, mi devas scipovi, mi devas fari".

Ĉiujn sciojn klubanoj studas ne nur teorie, sed nepre praktike. Do ili mem pakadas kupolojn antaŭ paraŝut-saltadoj, ili mem zorgas pri subakvaj maskoj kaj alia ekipaĵo, ili mem scipovas ripari ilin.

Ĉiusomere en nia stepo, ĉe rivero okazas skolttendumado kun alilandaj gastoj - skoltoj: germanaj, polaj, ĉeĥaj. Tial la ideo lerni la internacian lingvon iĝis tre konvena. Pasintjare en nia klubo "Oceano" okazis speciala ekspresa Esperanto-kurso por alvenintaj skoltoj el urbo Pavlodar kaj el vilaĝo Kluĉevoj. Ili ricevis elementan kurson de Esperanto, ĉar ili havis nur du tagojn por resti ĉi tie. Post tiu fulmkurso la ĉefa stabo decidis lanĉi Esperanton kiel fakon por niaj landaj skoltoj. Sed bedaŭrinde la internacia lingvo ne disvastiĝis en nia landa skoltmovado ĝis nun, precipe pro manko de instruistoj. Sed tio estas afero de tempo.

**Vera Matvejeva**




Sur fotoj Vera kun geskoltoj en la klubo „Oceano”.

HINDIO

# MIRINDA AGADO

Kiel esperantisto kaj skoltestro mi estas ĉiam preta fari bonan agadon. Lastan someron, mi iomete vagadis por trovi la lernejojn, kie agas geskoltoj, kiuj vere interesiĝas pri lernado de nia kara lingvo. Estis vere fruktodona vagado (mi uzis tiun vorton ĉar vere mi devis vagadi). Rapide mi rimarkis, ke mi ne povis sole fari tion. Tial mi kunprenis mian filon Sanjiv kaj filinon Damini kun mi. Mi pensis, ke bone estus disdoni iun revuon. Do, mi petis helpon de SEL. Gudio Ricci, la ĝenereala sekretario de la Ligo, helpis min, sendante monon por kopii ekzemplerojn de „La Skolta Mondo”. Dum la vagado mi disdonis al geskoltoj kaj lernejoj pli ol 100 ekzemplerojn de la revuo, kiun mi elŝutis el interreto.

Multaj skoltoj vere trafolumis la revuon por ekscii, ĉu Esperanto helpos ilin kaj la mondon. Kelkfoje ili vere intersiĝis pri la lingvo. Kelkaj diris ke ili petos siajn lernejestrojn organizi lingvokurson en lernejo. Multaj diris al ni, ke ili aŭdis, legis aŭ vidis min en iu ĵurnala artikolo. La lernejestrino Manjula Devi de ITI School, Dooravani Nagar, Bangalore-36 vere intersiĝis kaj petis min organizi kurson, kion mi akceptis. La skoltestrino Anuradha kaj skoltestro unue parolis al geskoltoj por konvinki ilin, ke meritas ĉeesti la kurson. Do, rezulte venis



pli ol 100 geskoltoj. Dank al la ideo de gesinjoroj Sandro kaj Anna Roza de Italio, finfine mi adaptigis la komputilan kurson de la lin gvo. De nun la geskoltoj lernos en la lerneja komputilejo kie troviĝas almenaŭ 12 maŝinoj.



*Gesinjoroj Steel kaj Venki staras meze en la dua vico*

Kelkaj geskoltoj iris al nacia preparanta konkurso por ricevi la altan insignon de la Prezidanto de Hindio. Kelkaj estis studentoj, kiuj lernis Esperanton kaj ricevis atestilojn, kiujn povis montri al aliaj kursanoj. Estis vere grava afero. Do, finfine la estrino de la lernejo diris, ke ŝi volas ĉeesti la Universalan Kongreson de Esperanto kaj prelegi pri kontribuo de Hindio al scienco kaj matematiko. Do, ŝi prepariĝas por tio.

Kiam la lernejoj malfermiĝos, mi denove iros instrui lingvon al geskoltoj. Kelkaj volas iri al Eŭropo por la Monda Ĵamboreo en 2007. Mi diris al ili: lernu Esperanton, vi povas renkonti Esperantistojn en MĴ en Britio! Nun mi havas multajn E-geskoltojn eĉ por disvastigi la lingvon. Vere mirinda afero!

Mi dankas al Guido Ricci por ĝustatempa helpo. Ankaŭ al prezidanto de Universala Esperanto-Asocio – Renato Corsetti por daŭriga kuraĝigo.

Danki mi devas ankaŭ al la ĝenerala direktoro Trevor Steele kaj Katja el Aŭstralio, kiuj semis la semojn unue en nia skolta movado. Por instrui la lingvon venis ankaŭ: el Britio - Gabrielle Corsetti, la filo de Renato, el Pollando - Marzena Staniszewska kaj Wojtek Mysiara, el Francio - Pruel Rachel kaj Francois Schwicker, el Italio – gesinjoroj Sandro de Riu. Ĉiuj helpis min kaj donis kuraĝon jam de kelkaj monatoj.

Certe mi estas ĉiam preta kiel skolto kaj daŭrigos mian agadon en Esperanto-skolta movado. Frate mi salutas ĉiujn ĝiajn anojn.

**Espero Venki**

## E-metiejo

Espero Venki gvidos metiejon dum la evento RoverWay 2006, kiu estas organizata inter 6 kaj 14 de aŭgusto 2006 en Italio (Firenze) por 16-22-jaraj geskoltoj, ne nur italaj. Venki instruos Esperanton. Vidu: **www.roverway.it**

## Hungario

Ekde la 3 de majo 2006, kiam SEL ekhavis la Nacian Reprezentanton de Hungario, E-skolta laboro en tiu lando vigliĝis. Záhonyi Lajos starigis jenajn celojn: 1. Fundamenti E-skoltan movadon, kaptante atenton de hungaraj skoltoj kaj hungaraj esperantistoj; 2. serĉi kaj trovi aktivulojn; 3. konatigi Skoltan Esperanto-Ligon en Hungario; 4. konstrui kontaktojn kun esperantistaj kaj skoltaj organizaĵoj. Kelkajn aferojn li jam sukcesis aranĝi.

# FORTAJ RADIKOJ

### Pasinteco

Ka z ĥagario la historio de la E-Movado komenciĝis antaŭlonge, jam en 1920 jaro. Paŝo post paŝo naskiĝis esperantistaj skoltaj grupoj kaj sekcioj. Estis fondita Skolta Esparanto-Rondo, kiu funkciis inter 1930-1941. Hungara Skolta Esperanto-Ligo organizis dekan intarnacian tendaron apud Budapeŝto en 1931. Tie, unuafoje ĝi estis oficiala renkonto de Hungara Skolta Asocio kaj SEL. Dum la ĵamboreo en Gödöllö (apud Budapeŝto) en 1933 aferoj de Esperanto aperis en ĉiutaga skolta vivo. Ĝis la dua mondmilito la movado disvolviĝis senrompe. Dum la milito Hungara Esperanto - Asocio fondis la junularan sekcion, kie apartenis skoltoj. Ĝi nomiĝis No. 191. Toldi Miklos Skolta Trupo (cetere ili ankaŭ nuntempe renkontiĝas). La oficiala skoltismo ĉesis agadi en la jaro 1948 kaj ne funkciis ĝis 1989. Dum la komunisma periodo ĝi estis malpermesita. Sed tri jaroj post la hungara revolucio en 1956 okazis nekredebla afero. Legu plu.



Ĵamboreo en Gődőlő

### Historio de Esperanto-Skolta Centro 1959

Post la revolucio spontane komenciĝis formiĝi skoltaj grupoj. Unu lerta kaj kreativa homo - Otto Falus - organizis en Budapeŝto unu grupon el siaj kaj aliaj amikaj infanoj. Unue ili organizis stratĉampionadon de piedpilko, poste ekformiĝis aliaj sekcioj, sed kaŝe oni praktikis skoltismon. En la jaro 1959 ŝanĝiĝis la nomo de la strato. Ekde tiam ĝi nomiĝas Esperanto strato. Sur muro de la strato la tabulo anoncis, ke ĉi tie agadis la „Esperantostrata trupo". En tiu epoko ĝi nomiĝis: Esperanto -Sporta klubo.

Poste, en 1970, la klubo aliĝis al Hungara Esperanto Asocio kiel individua membro. Ĝi havis jam propran nomon kaj ŝtampilon: Esperanto-Skolta Centro 1959. La unuiĝon observis polico, ĉar escepte de la oficialaj komunismaj junularaj organizoj, ne ekzistis aliaj permesitaj movadoj. Funkciadon de la Esperanto-Skolta Centro neniam iu helpis oficiale. Ĝi havis sekciojn pri: literaturo, teatro, skoltoj kaj sporto.

En 1987 apud la nomo de Esperanto-Skolta Centro oni adoptis ankaŭ alian nomon: Sik Sandor Skolta Trupo (Sik Sandor estis kristana skolta poeto, oficiale malpermesita). Post la granda reĝimŝanĝo en 1989-90 la Trupo jam oficiale aliĝis al skoltaj asocioj.

Bedaŭrinde oĉjo Otto Falus estas nun tre malsana. Li ne uzas komputilon kaj ne povas paroli per telefono. Ankaŭ mi povis kontakti lin nur koresponde. Li ĝojas, ke SEL denove viglas kaj li sendas al ni ĉiuj skoltsaluton!

## Aktualo

Ĝis nun skoltaj asocioj ne tro okupiĝis pri Esperanto, tial ni bezonas denove konstrui E-skoltan movadon. Bonŝance, ni havas radikojn, ni petas helpon de maljunaj skoltoj kaj ni provas uzi niajn rilatojn.

Mi ekserĉis skoltajn asociojn. Unu el ili rapide respondis al mi kaj eble ni faros interkonsenton kun ĝi por futura kunlaboro. Eĉ dum la Junulara Esperanto Renkontiĝo (3-5 de junio 2006) en Hungario mi - kiel la Nacia Reprezentanto de SEL-prelegis pri Skolta Esperanto-Ligo dum la kunsido de Hungara Esperanto Junularo.




Okazis ĉi tie granda evento – Hungara Esperanto Junularo, Asocio de Hungaraj Skoltinoj kaj Skoltoj kaj Skolta Esperanto-Ligo subskribis la oficialan interkonsenton, kiu estas bona bazo por daŭrigi nian laboron.

## Futuro

Surbaze de la interkonsento ni planos starigi la retpaĝon kaj ni kontinuos serĉadon de esperantaj kaj skoltaj partnerorganizaĵoj. Ni provos reklami E-skoltan movadon kaj organizi iun E-skoltan eventon.

**Záhonyi Lajos**

Inter la 16 kaj 22 de julio en orienta Hungario (urbeto Turistvandi) okazos la skolta tendaro kun hungara kaj Esperanto kiel laborlingvoj. Ĝi okazos post pli ol 60 jaroj de lasta E-skolta tendaro en Hungario kaj post du monatoj ekde reformiĝo de SEL en Hungario. Pli da informoj: lajos.zahonyi@nsh.hu

# SEL KALENDARO



**29.07 - 5.08.2006 Universala Kongreso de Esperanto**, Italio

( 29.07. - prezentado de SEL dum la Movada Foiro, 31.07. - Jarkunveno de SEL kaj kunsido de la Centra Komitato, 01.08. - prezentado de SEL en faka budo)



**6-14.08.2006 ROVERWAY 2006** – Italio

- enmanigo de la Medalo pro Toleremo, kiun la Fondumo Zamenhof aljuĝis al Monda Skolta Organizo. La medalon akceptos Eduardo Missoni, ĝenerala sekretario de WOSM.

- informado pri Esperanto kaj SEL dum la metiejo gvidota de Espero Venki el Hindio (vidu la artikolon sur la paĝoj 8-9).



**21-22.10.2006 Tutmonda Skolta Ĵamboreo en Interreto (JOTI) kaj en Aero (JOTA)** – vidu paĝo 5.



**julio 2007 - internacia skolta tendaro** en Pollando kun pola, angla kaj Esperanto kiel laborlingvoj (parzyszek@tbs.bialystok.pl)



27.07-8.08.2007 - **Monda Ĵamboreo,** Britio

**SEL dum la MĴ**: Nun restas nur unu jaro ĝis la 100-jara festo - la Monda Ĵamboreo en Britio. La teamo: Helen Fantom, Britio (Brita Esperanto-Asocio), István Nemeth, Hungario (Bruselo), Marcelo Daniel Lucero, Argentino) estis en kontakto kun la aranĝantoj kaj atendas definitivan respondon pri nia partopreno. Ni planos informbudon kaj programeron en la Internacia Vilaĝo. Por la informbudo oni komencis plani flugfoliojn en diversaj lingvoj. Ili cxiam havu la saman tekston ankaux en Esperanto, por ebleco kompari. Alia ideo estas distribui informojn en kompaktdisko. Oni ankaŭ serĉas desegnistojn por fari afiŝojn. Por la Internacia Vilaĝo oni havas diversajn ideojn pri kursoj, sed la detalojn oni ne povas plani antaŭ ol la aranĝantoj donos la kadrojn. Tamen gravas, ke ni jam dum la ĉi-jaraj esperantoeventoj kaj skoltaj tendaroj rakontu pri la ebleco konatiĝi kun Esperanto dum la Jubilea Ĵamboreo.

Carola Antskog

## Bogota dekopo

Kvin gelupetoj kaj kvin skoltoj nombras jam la skolta grupo, kiu naskiĝis antaŭnelonge en malriĉa kvartalo en Bogoto, Kolombio. Pri la bogota projekto kun uzo de Esperanto oni povas legi en *La Skolta Mondo nr 1/* 2006.